# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Año VI N.º 1 (61) Enero, 1954

# CONSIGNA

Un año más y, con él, nuevas esperanzas, nuevas ilusiones y también nuevos deberes y responsabilidades. En la defensa y propaganda de las ideas, sin propósito crematístico, tan sólo cabe el espíritu de sacrificio, de completo ofrecimiento de la capacidad propia, y una fé ilimitada en el éxito de tantos y tantos esfuerzos. Pero ante todo, el esperantista consciente debe estar plenamente convencido de que todas las penalidades, contrariedades y, hasta burlas, sufridas a causa de sus convicciones, merecen tal espíritu de sacrificio. La fé religiosa, el amor a la Patria, la libertad de un pueblo y, hasta, el credo de una opinión política que se juzga salvadora, han merecido en el transcurso de los siglos la heroicidad y el martirio. Sin hipérboles, que desorbitarían la cuestión, y sin salirnos ni un ápice del sendero de la realidad, podemos afirmar que la doctrina lingüística esperantista, con las secuelas morales y sociales que de ella se deducen, valen la pena de arrostrar las consecuencias de su defensa y propaganda.

Cuando triunfe el Esperanto, el hecho material de que, oficial y particularmente, grandes masas humanas en todo el mundo lo hablen naturalmente, utilizándolo para sus relaciones internacionales, supondrá un beneficio para la humanidad. Pero el valor inestimable de tal triunfo es el cambio en la psicología de las masas y de los individuos que, indefectiblemente, llevará consigo el uso habitual del Esperanto, creando en todos esa mentalidad tan específica de los esperantistas. En efecto, la atenta observación de un grupo de esperantistas puede permitir la afirmación de que, si no todos, la inmensa mayoría de ellos presenta características comunes, que vamos a enumerar sucintamente.

En primer lugar, una fuerte inclinación al optimismo. Esta cualidad, desgraciadamente tan en baja en nuestro tiempo, ya es una gran ventaja. Nunca los espíritus optimistas han producido hechos desagradables, ni individual ni socialmente. En segundo lugar, una avidez bien patente para la cultura. El nivel cultural de los esperantistas suele ser notablemente superior al de otros individuos de su mismo estrato social y profesional. En tercer lugar, la bondad moral de los esperantistas es moneda corriente, sin que esta aseveración signifique naturalmente la carencia de excepciones.

Sin menosprecio para los que no pertenecen a nuestra gran familia esperantista, podemos afirmar que si toda la humanidad estuviese constituída por personas en todo semejantes a las que constituyen los núcleos esperantistas en las diversas naciones, el mundo se ahorraría muchos de los quebraderos de cabeza, de las amenazas y de los temores que hoy le asaltan de manera agobiante. Y si así es, ¿no queda suficientemente justificada el ansia propagandística de los esperantistas actuales? ¿No vale la pena de sacrificar la beatífica quietud y el «dolce far niente», en aras de algo que debe mejorar las condiciones de vida del género humano?

Perfeccionarse en el idioma auxiliar, asimilar la cultura esperantista, difundir el filantrópico objetivo de Zamenhof y, en noble pugna, emular la actuación de los esperantistas extranjeros, debe ser el propósito de todo esperantista español.

El año que ahora dá comienzo, que puede ser decisivo en nuestro empeño por el triunfo del Esperanto, debe marcar un hito en el camino de la difusión de nuestros propósitos, tan dignos de consideración y apoyo por parte de autoridades académicas y rectoras de los destinos internacionales. Hagámonos dignos de la magnitud y excelsitud de nuestra empresa y consideremos como una distinción y un premio toda tarea y todo sacrificio por y para el Esperanto.

● ● ●

ĈU VI ESTAS TRE KONTENTA PRI VIAJ ESPERANTAJ LINGVOKONOJ?
SE NE, ELTIRU LA LOGIKAN KONSEKVENCON KAJ AGU..!

BOLETIN
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO de
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
VALENCIA
Redakcio: Str. Pelayo, 7, 1.ª
Adresoj de la Federacio
Sidejo: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
Oficejo: Str. Pelayo, 7, 1.ª
Telefonoj: 19532 kaj 53579
Oficej-horoj
9 ĝis 13 kaj 15 ĝis 20
Sabate: nur 9 ĝis 13
Kunvenejoj
Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
De la 22'30 ĝis 24
Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil
Str. San Vicente, 67, 1.ª
De 15'30 ĝis 18
Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 40 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 75 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 40 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA

## *NIA PREZENTO*

La decido de la meritoplena kaj inda je nia eterna danko S-ano Hernández forlasi sian admirindan laboron pri la redaktado de nia bulteno, metis la respondecajn instancojn de nia Federacio en grandan embarason ĉar, kiu el la ĉi tieaj samideanoj kapablas anstataŭi lin? Ne sukcesinte trovi la bezonatan anstataŭanton kun sufiĉe da kapablo, kompetento kaj laboremo —ecoj en tiom alta grado karakterizantaj la antaŭan redaktoron—, kaj nur kiel provizora solvo ĝi vokis min al ĉi tiu posteno, kalkulante se ne je mia valoro, almenaŭ je mia volo. Ankaŭ prove mi konsentis.

Sed feliĉe mi trovis kun mia tasko atendindan cirkonstancon, kiu igas min esperi ke miaj klopodoj ne tute malsukcesos. Tre kompetentaj kunlaborantoj oferis al mi sian valoran helpon, kiun mi tre ĝoje akceptis. Do anstataŭ unu sola redaktoro, ni estos areto da redaktoroj. Ĉi tio estas por mi eksterordinare ĝojiga, ĉar kun la akompano de miaj kamaradoj, mi sentos min kun la necesa kuraĝo por konduki sentime nian amatan boaton inter la rifoj de la vojo.

En la nomo de ĉi tiu grupeto da fervoraj samideanoj mi salutas elkore niajn legantojn kaj promesas plenumi nian oficon honeste kaj lojale. **J. BOSCH**



## FEDERACIAJ INFORMOJ

### VORTOJ DE NIA PREZIDANTO

Karaj Samideanoj!

Okaze de la Nova Jaro, mi kiel Prezidanto de la Hispana Federacio, sentas min vere feliĉa sendante al la tuta hispana esperantistaro mian plej koran gratulon kaj mian plej sinceran deziresprimon por la propra prospero kaj por la prospero de nia movado. Ni atingis ĝis nun grandajn sukcesojn en la kampo de la popola opinio; ni ankaŭ konkeris ian gradon de ŝato kaj estimo inter niaj sam- kaj eksterlandanoj; sed malgraŭ ĉio ni ankoraŭ ne atingis nian *tre deziregatan* triumfon, do ni ne povas trankvile vagadi kaj senzorge rigardi nian aferon, ni ne devas senti nin kontentaj kaj dormi kviete kaj dolĉe sur niaj jam gajnitaj laŭroj, sed kontraŭe ni devas senti nin pli atentaj kaj viglaj ol ĝis nun, ĉar la fina batalo ankoraŭ ne alvenis kaj por eliri el ĝi sukcese kaj triumfe, ni devas ankaŭ maldormi ĉe niaj batililoj kaj ĉiam gardestari ĉe la areno por detrui kaj venki eĉ la lastajn restantajn barojn.

Mi turnas min per tiu ĉi saluto kaj stimulilo al ĉiuj, sed ĉefe al la junularo, nia estonta batalantaro, la rezervoj de niaj esperoj kaj trankviloj, por ke ili kuniganto sian fajran ardon kun la forto kaj viglo de la spertaj maljunuloj povu, unuj en la ariergardo kaj aliaj en la avangardo, defendi la trezoron de nia lingvo, gracie kaj ofereme donacita de nia tre kara majstro D-ro Zamenhof.

Ni vivas en momentoj tre emociaj. eble baldaŭ ni ricevos impresojn tre agrablajn aŭ maturajn fruktojn, kiu scias? Ni devas resti en vigla atento kaj multobligi niajn klopodojn kaj strebojn; ni devas per streĉo kunlabori kun la agemuloj kaj iom post iom anstataŭi ilin; kun fervoro kaj iluzio ni devas oferi nian plej sinceran helpon al la Bulteno, nia organo propaganda, nia ligilo ama; per ĝi kaj kun la Federacio, ni en epoko tre baldaŭa ricevos la rekompencon kaj distingojn, kiujn la homoj noblaj meritas antaŭ la dankemo de la homaro.

Vivu la Federacio! Vivu Zamenhof

**D-ro DANIEL LLORENS**

## SECRETARIA

*Según votación directa entre todos los asociados, efectuada mediante papeletas recibidas hasta el día de la fecha, ha sido aprobada la continuación, con carácter provisional hasta el Congreso de Zaragoza, de la siguiente Junta Directiva:*

| | | |
|---|---|---|
| *Presidente* | — **D. Daniel Lloréns Sastre** | — *Valencia* |
| *Vice-Presidente* | — **D. José Anglada Prior** | — *Barcelona* |
| *Secretario* | — **D. Vicente Santamaría Lloréns** | — *Valencia* |
| *Vice-Secretario* | — **D. Sebastián Chaler Arnau** | — *Tarrasa* |
| *Tesorero* | — **D. Ernesto Hurtado Alvarez** | — *Valencia* |
| *Vocal 1.°* | — **D. José Guzmán Guzmán** | — *Valencia* |
| *» 2.°* | — **D.ª María Casasnovas Jarreta** | — *Zaragoza* |
| *» 3.°* | — **D. Bernardino Donate González** | — *Madrid* |
| *» 4.°* | **Vacante** | |

*Valencia, a 31 de Diciembre de 1953*
*FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA*
*El Secretario, Vicente Santamaría*

## TESORERIA

BALANCE EN 31 DE DICIEMBRE DE 1953

ENTRADAS

| | | | |
|---|---|---|---|
| Cuotas de socios 1950, 51 y 52 (atrasos) | 2.999'— | | |
| » » 1953 | 22.256'50 | | |
| » » 1954 | 157'50 | 25.413'— | |
| Por anuncios y venta de Boletines | 506'— | | |
| Donativos | 5.750'— | | |
| Líquido obtenido Lotería Navidad | 4.515'— | 10.771'— | 36.184'— |

SALIDAS

| | | | |
|---|---|---|---|
| Cuota de U. E. A. 19 3 | 952'50 | | |
| Donativos Holanda, CED y F. Montevideo | 300'— | 1.252'50 | |
| Material y gastos Secretaría | 1.986'25 | | |
| Gastos Tesorería | 566'95 | | |
| Correo y varios | 1.500'15 | 4.053'35 | |
| Edición del Boletín | 21.043'— | | |
| Fajas y gastos de envío | 1.997'— | | |
| Fichas y material direcciones Adrema | 1.559'— | 24.599'— | |
| Gastos Informe y material difusión | 2.344'15 | | |
| » por Servicios | 8)9'65 | | |
| A Libro-Servo para compra obras | 2.500'— | 5.653'80 | 35.558'65 |

| | |
|---|---|
| Remanente en 1953 | 625'35 |
| Existencia en 1.° de Enero de 1953 | 2.611'15 |
| Saldo en 31 de Diciembre de 1953 | 3.236'50 |

**DETALLE DEL SALDO:**

| | |
|---|---|
| En efectivo | 1.380'80 |
| Cuentas deudoras | 1.855'70 |
| Saldo | 3.236'50 |

Valencia 31 de Diciembre de 1953
El Tesorero, *Ernesto Hurtado*

## INFORMA KAJ KUNORDIGA SERVO

**1954 debe ser el año de la constitución de los Grupos Locales, con vida propia oficial o encuadrados en sociedades culturales. En cada Grupo Local debe existir un Delegado, que debe ponerse en contacto con INFORMA KAJ KUNORDIGA SERVO. Debido a sus muchas ocupaciones, D. Vicente Hernández Llusera, de Sabadell, nos ha pedido le sustituyéramos, quedando sólo como Delegado en dicha ciudad. De este servicio se ha encargado ahora:**
**LA VERDA KOLOMBEJO, Esperanto-Grupo, Ciaño Santa Ana (Asturias)**
**Todo Delegado recibirá el periódico «Heleco», con un ángulo como portavoz de I. K. S.**

# HISPANA KRONIKO

*TARRASA.* — En 1-11-53 la Esperanto-Fako de la Societo «Juventud Tarrasense» omaĝis la senlace batalantan pioniron de nia afero S-ano Sebastián Chaler, okaze de lia 70-a naskiĝreveno kaj 40-jara esperantisteco. Estis kunveno tre agrabla, en kiu S-ano Valentín Alavedra legis propran poemon, al S-ano Chaler dediĉitan. Bedaŭrinde manko de spaco malpermesas publiki tiun poemon, sed pri ĝia beleco la legantoj juĝos legante jénajn specimenajn versojn:

Atingis la girlandon sepdek jaran
Kuraĝa kapitano. Kapitan'
De viglo kaj konvinko: nia Moŝto
Sebastjano kaj Chaler Arnau.

La kunveno finiĝis kun tre interesa kaj kortuŝa parolado de S-ano Chaler, priskribanta la histórion de la esperantistaj eventoj dum lia vivo. Ni tre volonte partoprenas en tiu omaĝo, sendante al li nian plej koran gratulon kaj dezirante al li plej longan vivon. Jen foto pri la momento en kiu du Esperanto-lernantoj oferas bukedon al S-ano Chaler.



**De maldekstre: S-ino Alavedra, S-ro Alavedra, la lernantoj Posas kaj Blanco, S-ro Chaler, S-ro Closa kaj S-ro Aris**

*ZARAGOZA.* — Dank' al la klopodoj de S-ano Salvador Morales, la sportmontista societo «Montañeros de Aragón» konsentis la oficialan enkondukon de Esperanto en la societo. Funkcias Esperanto-kurso de la komenco de la jaro, gvidata de la menciita samideano Morales. Sportmontistaj societoj en Hispanujo bonvolu sendi gratulojn al S-ro Prezidanto de «Montañeros de Aragón», str. Blancas, 4, Zaragoza. Eksterlandaj salutoj estos tre alte estimataj. Oni sciigos pri la diversaj aspektoj de la sportmontismo en Aragono, al informpetantoj.

*SAN FELIU DE CODINAS (Barcelona).* — Nova Esperanto-grupo estis fondata en ĉi tiu montara vilaĝo, kaj oni komencis du kursojn pri nia lingvo kun partopreno de dudek lernantoj. Adreso: Centro parroquial de Acción Católica, Sección Esperanto.

# LA ZAMENHOFA JARFESTO

En la tuta mondo oni festas pli malpli solene la Zamenhofan tagon, kaj la hispana esperantistaro celebras ĝin fervore. Ni scias pri ĝia solenigo en diversaj urboj kaj rondoj. Jen raporto pri la efektivigo en kelkaj hispanaj grupoj.

*En MADRIDO.* — La Madrida Esperanto-Klubo organizis balon kaj vespermanĝon En la fino S-ano Rafael Gisbert, Barcelono, kiu estis en tiuj tagoj en la ĉefurbo, salutis nome de la katalunaj esperantistoj, kisis la ĵus inaŭguritan verdan flagon kaj ĉirkaŭpremis la Prezidanton S-ron López Herrero. Ankaŭ paroladis S-anoj Figuerola, Isauro Alvarez, Félix Gómez —sekretario de la Klubo— kaj López Herrero. Oni tre plezure rimarkis la ĉeeston de la malnova madrida samideano S-ro José Moreno Ferrer. Kelkaj gazetoj publikis anoncojn pri la okazontaĵo, kaj la gazeto «INFORMACIONES» raportis pri la solenaĵo.

*En VALENCIA.* — Kiel kutime nia Federacio ankaŭ festis la naskiĝrevenon de D-ro Zamenhof. La gelernantoj de la kursoj gvidataj de S-anoj Tudela, Vizcaíno kaj Prades, tre lerte deklamis literaturaĵojn. Poste S-ano Vizcaíno malavare regalis la ĉeestantaron per bongusta lunĉo, kiu bone preparis la partoprenantojn por iri al la strato D-ro Zamenhof, kie oni laŭrokronis la tabulon de la Majstro. La kutima oficiala bankedo estis tre agrabla kunveno, post kiu paroladis nia simpatia vintra gasto S-ro Jan Jacobs, Antverpeno, kaj nia kara S-ano Luis Hernández. La tradicio Diservo ĉe la altaro de Nia Sinjorino de la Espero, Patronino de la esperantistoj, fermis la programon.

*En BILBAO.*—La vigla samideanaro festis la datrevenon per memorinda kunveno. La plej elstaraj programeroj estis: la prezentado de la filmo pri la pasinta kongreso kaj la fervora partopreno de nia samideano Pastro Félix de Valois Arana, meritoplena misiisto kaj arda propagandisto de Esperanto. La filmo vekis grandan plezuron, ĉar ĉiuj samideanoj ĝuis denove la neforgeseblajn tagojn de nia lasta kongreso. Laŭ postulo de kelkaj «filmaktoroj» oni ripetis la projekcion de pluraj scenoj, ĉar ili deziris denove vidi sin «roli». La afero do estis treege amuza. La interveno de Pastro Arana estis fervora kanto al la paciga kaj homama celo de Esperanto. Li rimarkigis la favoran opinion de elstaraj ĉefoj de la Katolika Eklezio: Papoj, Kardinaloj, Episkopoj. k. t. p., kies konkretaj eldiroj tute dispecigas la senvalorajn kaj fiajn akuzojn de «momentaj» komentoj, kiuj fakte ne estis regataj de konvinko, sed de plej aĉa malico. La tuta prelego de Pastro Arana meritas la publikan konon, sed pro troa longeco por nia «Boletin» ni studas la eblecon eldoni specialan folion, kiu sendube estos plezure legata de ĉiuj samideanoj.

## HELPU NIAN AFERON PER AĈETO DE LIBROJ

*Dum la Pariza Konferenco de UNESCO estis prezentataj al la delegitoj diversaj valoraj Esperantaj libroj. Ĉiuj montris grandan interesiĝon ĝuste pri nia literaturo. Okazis, ke unu el la delegitoj, foliumante «PEER GYNT» kaj kelkajn aliajn altvalorajn verkojn, iom surprizite demandis: «Kiu subvencias tiajn eldonojn?» Lia surprizo estis ankoraŭ pli granda pro la respondo: «Neniu! Estas la esperantistoj, kiuj, aĉetante tiajn librojn, ebligas ilian publikigon en la Internacia Lingvo».*

*La esperantistoj devas ne dementi tiun respondon.*

D-ro **Ivo Lapenna** («ESPERANTO», Marto 1953).

## DANKON AL AMIKO

**La valencia samideanaro preparas kunvenon honore al nia antaŭa redaktoro S-ano Luis Hernández. La programo, kiel kutime en ĉiuj valenciaj solenaĵoj, konsistos el komuna vespermanĝo okazonta la 27-an de Februaro. Aliĝojn kaj salutojn bonvolu sendi al la oficejo de nia Federacio:**

**HISPANA ESPERANTO - FEDERACIO — Calle de Pelayo, núm. 7, 1.° — Valencia**

# LA VOĈO DE L' KONGRESO

## XV-a Hispana Kongreso de Esperanto

**24 - 27 Julio 1954**

**Adreso de la Organiza Komitato: Santa Isabel, 10 - ZARAGOZA**

Post Tarrasa, Valencia kaj Bilbao, Zaragoza enviciĝas por efektivigi la dekkvinan kongreson de Esperanto en Hispanujo. Ni ne emas troigojn nek blufadojn, kaj tiel ni konfesas ke nia movado estas afero de malplimulto; ĉio farita en nia disvastiga laboro, eĉ niaj kongresoj, kiuj estis sincere konsiderataj kiel modelaj, estis ankaŭ rezulto de entuziasmo kaj agemo de nur kelkaj viglaj samideanoj. Niaj kongresoj do, estis sinsekvo de mirakloj. La apogpunkto de nia levilo estas nenia sekreto: ĝi estas la interna fajro, kiu vigligas ĉiujn hispanajn esperantistojn, ĉu katalunaj, ĉu baskaj, ĉu aragonaj. Kaj nun, tiuj lastaj transprenas la torĉon de la ciklopa tasko, kaj promesas al ĉiuj la plenumon de la estonta miraklo. Ni bone konas la valoron de niaj aragonaj samideanoj, tradicie persistemaj, efektive kapablaj kaj hispanstile gastamaj, por dedukti ke tiaj kvalitoj naskos plensukcesan kaj allogan kongreson.

La provizora programo estas jam promesplena. Jen ĝi estas:

*23-an de Julio, vendredo*—Dum la tuta tago funkcios la Akceptejo por disdono de la kongres-dokumentoj.

23-a horo.—Interkona vespero en festsalono de AMSA. Trinkado. Muziko.

*24-an de Julio, sabato.*—Funkcios la Akceptejo por la malfruiĝontoj, ĝis

10-a h.—Oficiala akcepto en la Urbodomo.

12-a h.—Oficiala fotografado antaŭ la Medicina Fakultato.

12'30 h.—Solena Malfermo de la Kongreso en la Paraninfo de la Medicina Fakultato.

18-a h.—Unua laborkunsido de H. E. F. en salono de la Medicina Fakultato.

22'30 h.—Literatura Vespero.

*25-an de Julio, dimanĉo.* — 10'30 h. — Solena Diservo kaj prediko en Esperanto en la preĝejo «San Carlos».

12-a h.—Vizito al la Belarta Muzeo.

18-a h.—Vizito al la urbo, grupe.

22-a h.—Oficiala bankedo kaj Folklora Festo en festsalono de AMSA.

*26-an de Julio, lundo.*—11-a h.—Vizito al la muzeoj de la Katedraloj.

17-a h.—Dua laborkunsido de H. E. F.

20-a h.—Fermo de la Kongreso.

*27-an de Julio, mardo.* — Tuttaga ekskurso al la arbaroj kaj akvofaloj de la «Monaĥejo de Piedra».

16-a h.—Adiaŭa festo en la sama loko.

En tiu programo, flanke de laborkunsidoj ĉiam fruktodonaj por la antaŭeniro de nia movado, la planintoj bone zorgis pri interesaj vizitoj al vidindaĵoj en la urbo, pri ĝuoj, distroj, spektakloj kaj laste, sed ne lastmerite, pri la ekskurso al vera paradizo kiu estas la imponaj akvofaloj de la rivero Piedra, apud la monaĥejo samnoma.

Tre volonte, ni aperigas artikolon pri historio kaj priskribo de Zaragoza, kvara ŝtupo en la evoluo de nia postmilita agado kaj nesto de tiom kaj tiom lertaj kaj simpatiaj samideanoj. Do ĉiuj hispanaj esperantistoj devas peni por ĉeesti la kongreson, tuj aliĝi, ĉion prepari kaj «efektive» partopreni laborkunsidojn kaj literaturan konkurson. Plie, ni esperas ke la Organiza Komitato aranĝos la ekzamenojn pri lingva kapableco, laŭ decido de la pasinta kongreso. Nu, atentu bone la venontajn informojn kaj daŭrigu iluziojn kaj laboron!

NOTO. — *Kun ĉi tiu numero de* «BOLETIN» *ni sendas la Kongres-aliĝilon.*

# ZARAGOZA

En la ĉeno de Hispanaj Kongresoj de Esperanto, Zaragoza post 33 jaroj, havos denove, en 1954, la plezuron kaj honoron gastigi la karajn samideanojn venontajn el ĉiuj partoj de Hispanujo aŭ de eksterlando. Bonvolu, do, ĉiuj, akcepti ĉi prezenton kiel koran inviton kaj instigon por ĉeesti nian Kongreson.

Zaragoza, situanta meze de vasta ebenaĵo ĉe la bordo de la rivero Ebro, estas tiel antikva, ke ĝia naskiĝo kaŝiĝas en la nebulo de l' pasinteco, sed pri ĝia pli ol dumiljara ekzisto pruvas postsignoj ankoraŭ konservataj. Multenombraj estas la legendoj pri la fondo de la urbo, sed estas fakto, historie atestata, la ĉeesto de la unuaj loĝantoj de Hispanujo, tio estas la Iberoj, kiuj tiun urbon nomis Aŭripa aŭ Salduba. Invadita de aliaj popoloj kaj plurfoje detruita, ĝi estis refondata de la Roma imperiestro Caesar Augustus, kiu al ĝi donis sian propran nomon «Caesaraugusta». Poste, la araboj iomete modifis tiun nomon je «Medina Sarakosta» aŭ simple «Sarakosta», kaj el tiu lasta vorto devenas la nova kaj definitiva nomo «Zaragoza».

Ĝi, nun, estas unu el la plej gravaj urboj hispanaj kaj havas 300.000 enloĝantojn.

Zaragoza estis prave nomata la «Urbo de la Turoj» kaj, eĉ nun, ĝi meritas tiun titolon, tial ke, ĉie ajn, dekoj da turoj leviĝas ĉielen kiel sagoj. Estas rimarkinda fakto, ke, sumante nur la altecon de la dekkvin turoj de la ĉefa templo «El Pilar» oni atingas altecon de pli ol mil metroj al la ĉielo.

Zaragoza, iam tre terkulturista, en la modernaj tempoj ĉiam pli kaj pli evoluas industrie kaj komerce, havante multe da entreprenoj, precipe teksaj kaj mekanikaj. Estas tie tre maloftaj la pluvoj kaj dum pli ol 150 tagoj, ĉiujare, brilas tre hela suno sur la blue belega, sennuba ĉielo. La klimato, kvankam ŝanĝiĝema, ne estas malmilda. Ĝia kamparo donas grandan abundon da diversaj tre bongustaj fruktoj.

Ĉi urbo ludis tre gravan rolon en la historio, ĉar ĝi estis la ĉefurbo de l' antikva regno Aragonlando kaj, nun, restas la plej granda urbo de la samnoma regiono.

Oni asertas ke la karaktero de la Zaragozanoj estas nobla, sincera, malfermata por ĉiuj bonvolaj homoj kaj fermata por la malnoblaj. La popolo, tre simpla, amas pli ol ĉion, en la mondo, sian sendependecon, samkiel la ceteraj hispanoj, kion bone spertis la granda Napoleono, ĉar dum la du mondfamaj sieĝoj (1808-1809), en Zaragoza, tiam urbo kun nur 50.000 loĝantoj, 50.000 hispanoj preferis morti ol akcepti fremdan jugon.

Multenombraj estas ĝiaj famaj filoj, inter kiuj elstaras la glora pentristo Goya.

Tiel bela estas la aragona folkloro, precipe pro sia ĉarma braveco, ke ĝiaj popolaj kantoj kaj dancoj kutimas atingi la unuajn premiojn en naciaj kaj internaciaj konkursoj.

La urbo Zaragoza, trafe situanta je proksimume egala distanco al Madrido, Barcelono, Valencio, Bilbao kaj San Sebastián, estas nepra transirejo por plejmulto de vojaĝantoj tra Hispanujo.

Ĉiujn samideanojn Zaragoza tutkore salutas kaj bonvenigas, dezirante ke ili plej grandnombre partoprenu kaj ĝuu la 15-an Hispanan Kongreson de Esperanto, okazontan en nia urbo de la 23ª ĝis la 27ª de Julio de 1954.

---

## ALTECO DE MALGRAVAĴO (Moderna poemo)

Naŭziganta amas' da balaaĵoj!
polvaro de la hejmoj kaj ruboj de l' domar',
ĉifonoj, ridiĝintaj paperoj.
ruĝaj ŝeloj de beroj,
senkoloraj rubandoj kaj flikaĵoj de mato,
kiujn la mizeruloj disŝutis al la strato
atende je la ĉar'.

Ĉiu la mallarĝa strato estas nigro kaj malpuro,
nur super la rubmason, kompatema la naturo
etendis belmantelon de piec'
kaj sur la malpuraĵo de l' kvartal'
kiun danda trairanto preterpasas evite,
la suno rebriladas en pecoj mil rompite
sur ĉiu roskristal'»

VERA.

# NOVAJ LIBROJ

*Recenzistoj esprimas ĉi tie siajn proprajn juĝojn pri verkoj.*
*La Redakcio kaj la estraro de* HEF *estas tute sendependaj de iliaj opinioj.*

**WORTERBUCH ESPERANTO - DEUTSCH.** Max Butin y Josef Sommer.—Limburger Vereinsdruckerei GmbH., Limburg/Lahn, 1952.-244 páginas. Precio: 9 marcos.

Un diccionario es siempre un acto de servicio. Y cuando el diccionario, encima, es bueno, el servicio se hace inestimable, tanto para los lexicólogos como para los que simplemente necesitan verificar una glosa, una equivalencia o una acepción. El libro de los samideanos Butin y Sommer es de los catalogables, sin vacilación, entre los buenos actos de servicio a nuestro movimiento e, incluso, a germanoparlantes que deseen imponerse de la acentuación y significado de las voces internacionales del alemán, pues ambos extremos están cumplidamente tratados. Este diccionario es uno de los más completos existentes en el número de raíces esperantistas. Los autores, al principio, justifican —con muy buen criterio, a nuestro parecer— su posición: «Ni lasis gvidi nin de la tendenco, ke ĝi estu kiel eble kompleta. Ni registris tiom da vortoj por servi al la leganto de ĉiaspeca Esperanto-literaturo. Lin ja ĝenerale ne interesas la demando, ĉu la vorto ie uzata estas neologismo aŭ iál ne rekomendinda, sed li postulas sciiĝi, kion ĝi signifas».

El trabajo de los señores B. y S. está hecho con lo que los españoles llamamos método y meticulosidad característica de los alemanes, con lo que queremos significar que estamos en presencia de un libro responsable, muy completo y de la mayor confianza. No quiere ello decir que en él todo sea totalmente irreprochable y que algunas glosas no admitan mejora, en arás de la unidad de uso y respeto de nuestra tradición, como, para poner sólo un ejemplo, en la equivalencia dada para *ĝusta*. Pero los raros casos de este tipo apenas cuentan dentro del tesoro léxico que el libro comporta, el rigor de la copilación y lo sistemático del trabajo. Y es que no sólo se dan las glosas en alemán y modo de acentuación de las palabras internacionales de esta lengua, sino que en los términos de botánica y de zoología se añaden los nombres científicos latinos, incluso con indicación de su acento original, referencia extraordinariamente útil, sobre todo tratándose de dicciones que en las lenguas étnicas desvían casi siempre sus valores semánticos.

Una idea de lo exhaustivo del léxico la puede dar el hecho de que el diccionario recoge las tres grafías hasta ahora usadas para nombrar al campesino egipcio: *falaĥo, felaho, felaĥo;* una idea de lo completo la podemos hallar en la voz *draceno* para nombrar un árbol que sólo existe en Canarias, o en *hidalgo* para un concepto que sólo se da en la península ibérica; el rigor y competencia de los autores queda de manifiesto al recoger sólo *donĥuano* y *donkiĥoto,* como definitivamente recomendables, y no *donĵuano, Don Juano, donkiŝoto, donkihoto* y otras variantes menos conocidas, dentro de la dirección normativa de nuestra mejor tradición y de los principios tenidos como buenos en lexicología y etimología, de los que hace tiempo nos ocupamos en «Esperantologio», I, cuaderno 1.°

Podríamos continuar destacando aciertos. Pero baste lo dicho para poner de relieve la seriedad con que de nuevo se trata al Esperanto en Alemania —recordemos sólo la obra monumental en materia léxica de Wüster, desgraciadamente aún sin terminar—, para llamar la atención de nuestros lexicógrafos y para felicitar sin reservas a autores y editor por habernos dado un libro que, sin ambages, debe tomarse como excelente modelo.

*J. Régulo Pérez.*

**HISTORIO DE S. A. T. 1921 - 1952.** Eldonita de Sennacieca Asocio Tutmonda: 67, Avenue Gambetta Paris 20 (Francio). 152 paĝoj. Formato: 14 x 19 cm. Prezo: 1'30 usonaj dolaroj.

Ekster la apartaj opinioj aŭ konsideroj, kiujn pri S. A. T. oni povas havi, neniu tamen kuraĝas nei, ke tiu laboristtendenca organizo ludis kaj ludas gravan rolon en la ĝenerala Esperanto-movado. Tial, do, tre bonvena estas ĉi tiu verko, kiu detale dokumentas kaj argumentas pri la motivoj impulsantaj fondi apartan supernacian asocion. Vere meditiga materialo troviĝas en la libro, tra la diversaj fazoj de la

daŭrigo sur paĝo 10.

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● FRANCIA. — «L' Encyclopédie Catholique» (87, Bd. Raspail - PARIS) publica un artículo del señor M. Muffang sobre el Esperanto. El «Journal Officiel» del 29-10-53, página 9.730, publica la propuesta núm. 6.558 elevada al Consejo de la República (antiguo Senado), proponiendo que el Gobierno introduzca la lengua auxiliar Esperanto en los programas de enseñanza pública, y que se considere como idioma oficial de la O. N. U. y en el Consejo de Europa. La firma «Manufrance» (Manufactures Française d'Armes et Cycles), de Saint Etienne, édita su catálogo de fabricación en cinco idiomas, entre ellos el Esperanto. En veinticinco localidades francesas hay vías rotuladas con el nombre de «Doctor Zamenhof». El Ministro de Educación Nacional ha decidido que en los últimos cursos de las escuelas elementales de los departamentos de Alsacia (Alto-Rin, Bajo-Rin y Mosela), los alumnos que no estudien el alemán, aprenderán el Esperanto.

● HOLANDA.—La firma industrial «Excelsior», de La Haya (Postbus 333) ha sacado al mercado, bajo denominación esperantista «Defendo», un tipo de pistola defensiva, que lanza un líquido químico para dejar somnoliento al atacante.

La disertación para el Doctorado en Ciencias Físicas ante la Universidad de Utrecht, del señor C. ten Seldam, de Amsterdam, fué presentada en inglés con un amplio resumen en Esperanto. El tema tratado fué «Energies and polarizabilities of Compressed Atoms», y ha sido editado por «Van Corcum & C.° N. V.», de Assen.

En la Escuela Técnica, de La Haya, vuelve a funcionar un curso de Esperanto, a cargo del Subdirector del centro, ingeniero J. S. G. Isbrucker.

● ALEMANIA.—«Fremdenverkehrsverband Kurhessen und Waldeek», de Kassel, ha editado un bello folleto ilustrado con magníficas fotografías y un texto en Esperanto, sobre estas regiones alemanas.

● SUIZA. — El 19 de Octubre de 1953, y hasta el 9 de Noviembre, tuvo lugar una Exposición de Esperanto en la Biblioteca Nacional de Berna. En lugar visible se expusieron los carteles anunciadores de los Congresos de Esperanto celebrados últimamente en España. «Intergovernmental Committee for European Migration» (68, Rue des Pâquis - GENÈVE) ha publicado en Esperanto un opúsculo sobre los fines del indicado organismo, actualmente constituído por la representación de 16 países miembros. El artículo ha sido expresamente escrito por su Director, señor Hugh Gibson. También durante este curso 1953-54 se llevan a cabo los cursos coordinados de Esperanto (v. Boletín n.° 48, pág. 434). En Noviembre último empezaron en 24 Escuelas Superiores dichos cursos, a saber: Stuttgart y Bonn (Alemania); Linz y Salzburgo (Austria); Bruselas y Amberes (Bélgica); Copenhague (Dinamarca); Helsinki (Finlandia); Alés, Angers, Burdeos, Montpellier, París y Perpiñán (Francia); La Haya, Haarlem y Rotterdam (Holanda); Manchester, Birmingham e Isla de Wight (Inglaterra); Firenze (Italia); Karlstad (Suecia); Zurich y Berna (Suiza).

● ITALIA.—En el Palacio Carignano, de Turín, y organizadas por el Grupo Esperantista de aquella ciudad, se están desarrollando durante el curso 1953-54 unas Veladas Culturales con disertaciones científicas y artísticas, a cargo de eminentes personalidades. Las conferencias son todas completamente en Esperanto. La revista «Federalismo nel Mondo», de Turín, publica sus artículos con resúmenes en francés, inglés y Esperanto.

● AUSTRIA. — «Verkehrsamt Worgl-Wildschönau», de Worgl (Tirol), ha publicado un folleto turístico sobre la hermosa región con suplemento del idioma Esperanto.

---

## NI BOMBARDU UNESKON!

*Nuestra Federación cursó oportunamente el siguiente telegrama:*

**MADRID - Asamblea Española UNESCO**

**Federación Esperantista Española con motivo primera reunión esa Asamblea desea fructífera labor en bien cultura española.—Doctor Llorens Presidente.**

*Y recibió la siguiente respuesta, por el mismo conducto:*

**VALENCIA - Ministro de Educación Nacional a Presidente de la Federación Esperantista Española Doctor Llorens**

**Agradezco sinceramente deseos de esa Federación a Asamblea UNESCO en su labor Cultura española.**



**S-ano ISAURO ALVAREZ mortis!**

Nia kara amiko ne plu estas inter ni. El Madrido ĵus alvenis la malĝoja sciigo pri lia morto, okazinta la 12-an de ĉi tiu monato. La entuziasma samideano estis tre bone konata en la esperantistaj rondoj, kaj lia ĉeesto en niaj kongresoj —kun liaj karakterizaj trajtoj pri afableco kaj simpatio— estos ĉiam rememorata de ĉiuj lin konintaj. Li ĉiam partoprenis ĉiujn esperantistajn okazintaĵojn, kaj eĉ kiel raportite en ĉi tin numero de nia bulteno, li ankaŭ estis kaj paroladis en la Madrida Zamenhofa festo. Malgraŭ siaj multaj negocaj okupoj, li estis ĉiam je la dispono de ĉiuj bezonoj de la movado. Okaze de oficialaj demarŝoj ĉe la aŭtoritatoj, ĉiam oni renkontis lin preta helpi per sia ĉeesto kaj interveno. La hispana movado perdis altvaloran kunlaboranton.

Al liaj vidvino kaj gefiloj ni sendas la esprimon de nia sincera kondolenco.

**LIBROSERVO DE**

**HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

***Kun ĉi tiu numero de nia gazeto ni sendas nian novan Katalogon.***

daŭrigo de paĝo 8.

historio de S. A. T., laŭ ĝia sinsekva evoluo, ekde la fondkongreso en Praho (Aŭgusto 1921) ĝis hodiaŭ mem. Ĉi tiu libro, bone eldonita kaj bele garnita per trafaj ilustroj, multe plaĉis al mi pro ĝia objektiva maniero rakonti la baraktojn kaj disputojn okazintajn interne de la organizo, dum la kulmino de plej akutaj krizoj, kiuj minacis eĉ la ekziston de ĉi tiu tutmonda asocio, kiu, ne estante pure por esperanta, liveris al la tuta esperantistaro, senescepte, verkojn tiel valorajn kaj nepre havindajn, kiel certe estas *La Plena Vortaro* kaj la *Leteroj de D-ro Zamenhof:* Tio sufiĉas ja por veki scivolon, eĉ al neŭtrala esperantisto, pri ĝiaj celoj kaj metodoj. Al tio klare respondas la ĵus aperinta historio.

*Ernesto Hurtado.*

# RADIO

**Dissendoj en Esperanto**

## RADIO ROMA

**Cassella Postale 320**

***ROMA (Italujo)***

*Merkrede kaj vendrede, de 18'50 ĝis 19'10 (hispana tempo)*

*Metroj: 31'35 kaj 49'92*

### Programo por Februaro 1954

*Merkredon, la 3-an.*—Novaĵoj el Italujo.

*Vendredon, la 5-an.*—La kultura valoro de Esperanto ĉe la Radio, kun aparta konsidero pri Radio Roma.

*Merkredon, la 10-an.*—Florencaj kanzonoj.

*Vendredon, la 12-an.* — Respondoj al la geaŭskultantoj kaj bibliografio.

*Merkredon, la 17-an.*—Sardinio, la insulo de la 26-a Itala Kongreso de Esperanto.

*Vendredon, la 19-an.*—Italaj belartaj urboj, Napoli.

*Merkredon, la 24-an.* — Poeto Govoni, Premio Marzotto 1953.

*Vendredon, la 26-an.*-Karnavala parentezo.

Merkrede: prelegas S-ro Luigi Minnaja.
Vendrede: prelegas S-ro Prof. Vincenzo Musella.

Ne forgesu aŭskulti niajn dissendojn kaj, kio pli gravas, konigi viajn impresojn, sugestojn, kritikojn k. t. p.

## RADIO JUVENTUD

**Real, 71, 1.° LA CORUÑA**

*Lunde, je la 19'30. Metroj: 250*

Ni dissendas Esperanto-kurson, kun konversacio kun la lernantoj tra la telefono. Oni povas aŭskulti la telefonan interparolon, kiun ni dissendas samtempe por la instruo de nia aŭskultantaro.

## RADIO ALERTA

**Colón, 11 VALENCIA**

*Jaŭde, je la 23'30 ĝis la 24-a. Metroj: 200*

*Parolado, informoj kaj kurso.*

**KLARIGO**

En la Decembra numero de nia bulteno, ni recenzis la libreton «Faktoj pri Norvegujo» kaj pro miskompreno ni menciis la aŭtoron de «Bagatelaro» kiel tradukinton de tiu interesa verko. Ni sciigas niajn legantojn, ke ne estis li, sed lia frato Hans Amund Rosbach la plenuminto de tiu altvalora tasko.—*J. J. F.*

## ◆ LINGVA KONKURSO: LERNU TRADUKANTE! ◆

*Pri la tasko n.° 9, ni taksis plej bona la tradukon de S-ano Juan Devis, de Valencia, al kiu ni sendas la libropremion* FABELOJ DE ANDERSEN *kune kun nia kora gratulo.*

*Por via kontrolo, jen laŭ nia opinio la plej taŭga traduko de la koncerna teksto:*

«María lo hacía todo. Barría la sala, ponía en orden la biblioteca, colgaba los anuncios en la pared. Por la noche, era la última en abandonar el local, cerrándolo y llevándose la llave a casa. La delgada figura de María se movía constantemente. Siempre tenía algo que hacer; a todos prestaba atención, pero en cambio a ella nadie le hacía caso. Las muchachas no eran amigas suyas, puesto que solamente se le dirigían si necesitaban algo de ella. Para los jóvenes, la enfermiza María, con la blusa blanca y la falda negra, no significaba nada. Galanteaban a Elsa y a Rosa, las reinas del Grupo. María era sólo un objeto necesario, no una mujer. Ocurría a veces que algún joven que llegaba temprano, preguntaba a María: «¿No hay todavía ninguna muchacha por aquí?»

*El la romano* MARIA KAJ LA GRUPO, *de Emba.*

### KRUCVORTA ENIGMO N.° 1
de Juan Devis



**Horizontale**

1. (inv.) Rezina speco; frapi.
2. Ĉarmegas; (rad.) dolĉa substanco.
3. Konforme al vero kaj justo; devigi.
4. (rad.) Supera homa membro; vertikale granda.
5. (rad.) Prenilo; denove.
6. (rad.) Sufikso; konsonanto; verba finaĵo; pronomo.
7. Tio, pri kio oni parolas; (rad.) societo.
8. Fari; prepozicio; (rad.) koncepto.
9. Pronomo; kredema; (rad.) multvalora metalo.
10. Plej alta grado de aproba opinio.
11. En Hispanujo, brava nacia ludo.

**Vertikale**

1. (inv.) Prepozicio; mitologia greka giganto.
2. (rad.) Preskaŭ pura substanco el karbono; sekvi per okuloj presitan tekston kaj ĝin prononci voĉe.
3. Monavida; pronomo; artikolo.
4. Rulfalanta neĝamasego; numero.
5. Organika ecaro diferenciganta la viron de la ino; (rad.) bovoviro.
6. Kaprimeno por konduki beston.
7. Resti senmove kaj vertikale; (rad.) speco de nukso.
8. (rad.) Ekstravagance komika; eksterigu viajn kapablojn.
9. Akre; pronomo; sufikso.
10. Laciga kaj enuiga; malnordo.
11. Moviĝi de iu loko al alia; ne submetita.

## ☆ LA LERNEJO

Nia lernanto J. P. el D, petas al ni klarigon pri la uzado de la prepozicio *je.* Jen nia respondo, laŭ la kreinto de la lingvo, D-ro Zamenhof:

«Se ni bezonas uzi prepozicion kaj la senco ne montras al ni, kian prepozicion uzi, tiam ni povas uzi la komunan prepozicion *je.* Sed estas bone uzadi la vorton *je* kiel eble pli malofte. Anstataŭ la vorto *je* ni povas ankaŭ uzi akuzativon sen prepozicio. Por ekzemplo: Mi ridas je lia naiveco (aŭ mi ridas pro lia naiveco, aŭ: mi ridas lian naivecon). El la dirita regulo sekvas, ke se ni pri ia verbo ne scias, ĉu ĝi postulas post si la akuzativon (t.e. ĉu ĝi estas aktiva) aŭ ne, ni povas ĉiam uzi la akuzativon. Ekzemple: ni povas diri «obei al la patro» kaj «obei la patron» (anstataŭ «obei je la patro»). Sed ni ne uzas la akuzativon tiam, kiam la klareco de la senco tion ĉi malpermesas; ekzemple: ni povas diri «pardoni al la malamiko» kaj «pardoni la malamikon», sed ni devas diri ĉiam «pardoni al la malamiko lian kulpon».

## ANONCETOJ

● Deziras korespondi Esperantlingve kun valenciaj samideanoj S-ro Antonio Augustin Fernández, str. Darrón, 1 DURCAL, Granadá

● Prof. Alessandro Bosia, MONTICELLO D'ALBA (Cuneo) Italujo, 27-aĝa, deziras korespondi kun hispanaj fraŭlinoj, Esperante kaj hispane.

● Ĉiu filatelisto esperantisto apartenanta aŭ ne al la Federacio, bonvolu sin turni al S-ro Evaristó Gil, str. Calders, 9, 3.°, BARCELONA, por interrilati celante ekstarigon de Filatela Sekcio.

● «Katolika Terminaro» kiun bezonas la Eklezio por esprimi ideojn pri religia kaj teologia temoj, estas aranĝata. Ĉiu, kiu povas iel helpi, bonvolu sin turni al S-ro André Ribot, rue Vergues MARMANDE (L. et G.) Francujo

● Sub temo «Nia lando kaj popolo» okazos en la «Arto Halo de Karlskoga» ekspozicio de koloriĝitaj infandesegnoj. Geinstruistoj kunhelpu instigante la infanojn fari kaj sendi desegnojn antaŭ la fino de junio 1954. Karlskoga Esperanto-Klubo «La Aglo», c/o. Tistad, str. Hotellgatan, 5, KARLSKOGA, Svedlando

### ĈU VI ESTAS EKS-STUDENTO DE SUPERA KOMERCA LERNEJO?

Se jes, interesas vin scii, ke la problemo de la Internacia lingvo estos unu el la temoj de la XIV Internacia Kongreso de Eks-studentoj de la Supera Komerca Instruado, kiu okazos en Lyon, Francujo de junio 26. ĝis julio 4. 1954.

Pli ol ducent asocioj el la tuta mondo sendos delegitojn al tiu Kongreso, kiu celas organizi la kunlaboradon de eks-studendoj de la Supera Komerca Instruado sur praktikaj fundamentoj.

Tre dezirinde estas ke multaj Esperantistoj partoprenu kondiĉe ke ili mem estu eks-studentoj de iu Supera Kom. Lernejo.

Interesatoj bonvolu tuj skribi al S-ro *Richard* LEVIN, ***Président de l'Association des Anciens Eléves de l'Ecole Supérieure de Commerce de Lyon, 34, rue de la Charité Lyon,*** indikante en kiu Supera Komerca Lernejo ili lernis, de kiu dato al kiu dato tio okazis, kaj kiun diplomon ili ricevis ĉe la fino de la studado.

SOLVO DE LA PROBLEMO

ARITMETIKA DIALOGO

EN LA PASINTA NUMERO

**La patro havas nun 40 jarojn.**

## DONACOJ AL NIA BULTENO

**J. Perogordo, 100 pesetas. — S. Roca, 10.— L. Doménech, 10.—Kataluna Esperantisto, 60.— F. Alsina, 60.—F. García Campos, 10.—J. Ayats, 10. — V. Fraga, 10. — L. Pérez Requena, 10.— C. Berghanel, 10. — L. Santamarina, 10. — E. Albareda, 20.-F. García Hurtado, 25.-J. Jacobs, 5.— J. Saladrigas, 10.-S. Arizmendi, 10.-F. Máñez, 5.— A. Costa, 10.—A. Menéndez, 10.—A. Guerrero, 10. — J. L. Muñoyerro, 10. — L. Quiles, 10. — J. Juan Forné, 10.—J. Geli, 10.-R. Albero, 10.-J. Pinell, 12. J. Hernández, 10.—R. Maraury, 25.—G. A. Cortés, 10.—F. García Merchán, 10.—J. Lerroux, 10. J. Lloveras, 10.-J. Casanovas, 10.-C Cañellas, 10. M. Vallés, 10.—P. Criach, 20.—P. Alcedo, 10.— M. Buscató, 10.—J. Conill, 10.—V. Perles, 10.— S. Gumá, 10.—E. Gil, 10.—D. Dalmau Argemí, 15. E. Wolff, 10.—A. Gil, 10.—D. Cebollero, 5.**

*Koran dankon al ĉiuj donacintoj.*



PERIS-GRAN VIA M. TURIA, 28-VALENCIA